# ilera bulteno n-ro 72

**Redaktis: PY3DF - Aŭgusto 2008**

**Internacia Ligo de Esperantistaj RAdioamatoroj**


## *Postkongresaj Eĥoj*

## *ILERA-Jarkunveno 2008 en Roterdamo*




ILERA-anoj fotiĝas antaŭ la kongresejo dum la 93a UK en Roterdamo, Nederlando, 2008

## ESTRARO

**Prezidanto:** Wolf Krüger,DL1CC
Postfach 7223
15872 Eisenhüttenstadt, GERMANIO
Telefono: +49 3364 412946
E-poŝto: dl1cc.wolf@gmail.com

**Vicprezidanto:** Hans Welling,DJ4PG
zum Ortenbrink, 42
49205 Hasbergen, GERMANIO
Telefono: +49 5405 699 33
Telefakso: +49 5405 699 31
PR: DJ4PG@DBØSM.#nds.deu.eu
E-poŝto: dj4pg@t-online.de

**Sekretario:** Lenio Marobin,PY3DF/GØOOS
60 Tudor Court
King Henry's Walk
London, N1 4NU, BRITIO
Telefono: +44 20 7249 4737
E-poŝto: py3df@marobin.net

**Kasisto:** Ian Mac Dowall,G-SWL
40 Danehurst Road
Wallasey, CH45 3JJ, BRITIO
Telefono: +44 151 6386802
E-poŝto: ILeraianGswL@aol.com
**Konto ĉe UEA:** iler-r

**Sekretario pri Interreto:** David Harris,N6UOW
42326 Gatewood Street
Fremont, CA 94538-4126, USONO
E-Poŝto: zonker@esperanto.org

**Hejmpaĝo de ILERA-bultenoj:**
http://ilerabulteno.googlepages.com/ilera-bultenoj

**Hejmapaĝo de ILERA:**
http://esperanto.org/internacia/ILERA/

**Yahoo-grupo:**
http://groups.yahoo.com/group/esperanto_amatoroj/

## SEKRETARIE

**Ŝanĝoj**

IL-024 RW9YE, Gennadij Jaskov, str. Kuznechnaja 17, 656053 Barnaul, Rusio. rw9ye@mail.ru

IL-595 UA1CBO, Victor Kandalinski, Poŝtkesto 2, 187556 Tiĥvin, Rusio. ua1cbo@mail.ru

**Forpasis**

IL-581 DG5JWA, Josef Wozniczka (+05.jul.2008)

**Novaj Membroj**

IL-604 F8CFE, Stéphane Fillod, 1 bd Franklin Roosevelt, 35200 Rennes, Francio. f8cfe@free.fr

IL-605 SP4FIY, Stanisław Dobrowolski, ul. Pulaskiego 123/42, 15-337 Bialystok, Pollando. fiy@o2.pl

.....................................................................................

***Ĉu vi jam pagis vian kotizon por la kuranta jaro?***

*Se ne, kontaktu vian Landan Reprezentanton (LR) por informiĝi pri via jara kotizo. Via kotizo estas grava por la subtenado de ILERA. La kotizo ne nur kovras la kostojn de la bulteno, sed ankaŭ kaj grandparte servas por pagi membrecon ĉe UEA, informojn sur la Jarlibro de UEA, kaj ofte salonon por la jarkunsido dum la UK de UEA. Via LR antaŭdankas vin por via frua pago!*

*Alternative ĝiru al UEA-konto:* ***iler-r***

.....................................................................................

KUNVENE

# JARKUNSIDO 2008

**93-a UKE, Roterdamo, Nederlando**

**Salono Faulhaber**

**24 julio 10h30 – 11h15**

**Protokolo**

**Estraro: ĉeestis**

Wolf Krüger, DL1CC (prezidanto); Hans Welling, DJ4PG (vicprezidanto); Lenio Marobin, PY3DF (sekretario); Ian Mac Dowall, G-SWL (kasisto).

**Subskribis la liston de partoprenintoj (laŭ ordo de subskribo):**

| | | |
|---|---|---|
| KN-1312 | 7L2RID | Pego |
| KN-39 | HA1UD | iferdr@t-online.hu |
| KN-1696 | 7N4MPZ | Anjo |
| KN-1763 | Schwarz (gasto) | EZ_MH@web.de |
| KN-480 | F5RC | f5rc@yahoo.fr |
| KN-277 | UA1CBO | ua1cbo@mail.ru |
| KN-524 | DF7TZ | kh.schaeffer@t-online.de |
| KN-1124 | JA1FXZ | ja1fxz@yahoo.co.jp |
| KN-1298 | Heberlein (gasto) | ratkaptisto@freenet.de |
| KN-535 | PE1KOD | hardob@zonnet.nl |
| KN-401 | DK3SZ | marufrace@gmx.de |
| KN-1310 | 7N1LYN | Vinjo |
| KN-737 | Oota (gasto) | otashigeko@w3.dion.ne.jp |
| KN-1308 | JO1JAM | Sunjo |
| KN-561 | F6DXL | yannickdum@aol.com |
| KN-700 | Decostere (gasto) | lunjo.dc@hotmail.com |
| KN-421 | Emanuelsson (gasto) | |
| KN-503 | SM5TEY | roland.eriksson@fro.se |
| KN-1778 | EA5FVF | jesuo@ono.com |
| KN-1229 | DL1CC | dl1cc.wolf@gmail.com |
| KN-946 | DJ4PG | dj4pg@t-online.de |
| KN-1089 | G-SWL | ILeraianGswL@aol.com |
| KN-1186 | PY3DF | py3df@marobin.net |

**Ĉeestis la UK, sed ne partoprenis la kunsidon:**

| | | |
|---|---|---|
| KN-1392 | HL1SZQ | Lee |
| KN-1296 | KA3VYX | Jahger |
| KN-732 | JH2AIM | Kapao |
| KN-1609 | G6GMM | Shrives |
| ? | PE1NKP | Hans Baard |

**Komenco de la laboroj**

Prezidanto Wolf, DL1CC, malfermis la kunsidon kaj transdonis la parolon al la vicprezidanto Hans, DJ4PG, kaj petis tuj poste transdoni la parolon al Imre, HA1UD. Hans, DJ4PG, demandis, ĉu iu alia volas konduki la laborojn. Li diris, ke li tiel ofte faris, kaj volus lasi la ŝancon al aliaj. Neniu sin anoncis. Li sekve organizis la tagordon de la laboroj sur tabulo, laŭ kiu oni sekvis dum la kunveno. Li tuj transdonis la parolvicon al Imre, HA1UD, por enkonduki minuton da silento omaĝe al la forpasinta membro Laci, HA7PW. Dum sia parolado Imre diris, ke antaŭ kelkaj semajnoj mortis iama sekretario de ILERA kaj ano de la hungara sekcio de radioamatoroj, Laszlo Matusinka, HA7PW. Li diris, ke nia forpasinta membro suferis pro nekuracebla malsano. Li aldonis, ke li kontaktis la familion, kaj la edzino de Laci deziris transdoni la tutan materialon de lia radioamatora vivo. Imre diris, ke nun oni bezonas trovi anstataŭanton por Hungario. Rememorante Laci, li sekve diris, ke Laci estis sincera, bonkvalita amiko kaj radioamatoro, kiu multon faris por ke radioamatorismo estis en bona loko ene de Hungario. Li petis al ĉiuj gardi la memoron de Laci. Hans, DJ4PG, reprenas la parolvicon por anonci ankaŭ la forpason de Josef Woznicz-ka, DG5JWA, kiu multe aktivis precipe per mulfoja helpo dum la radioamatora ekspozicio en Friedrichshafen. Li petis al ĉiuj stari dum unu minuto por rememoro. Sekve, li rondirigis liston sur kiun la partoprenantoj devis subskribi por signi sian ĉeeston al la kunsido. Li ankaŭ rimarkis, ne ne estis invititaj gastoj por enkondukado. Lenio, PY3DF, prenas la parolvicon por legi skriban mesaĝon de Genadij, RW9YE, kiu salutis la

ĉeestantojn. Lenio ankaŭ parolis pri la kongresa stacio. Li diris, ke antaŭ kelkaj monatoj li komencis komunikiĝi kun reprezentantoj de radioklubo por akiri specialan licencon por la kongresa stacio. La voksigno PH6E estis sugestita. Post interŝanĝo de kelkaj mesaĝoj evidentiĝis, ke la akiro de licenco ne estis tiel rekte facila, kiel oni pensis en la komenco. Nur nederlandano aŭ nederlanda radioklubo povas peti pri speciala voksigno. Lenio aldonis, ke kvankam en la komenco estis kompreno, ke oni tion farus laŭ la peto de ILERA, tamen tio poste ne materialiĝis. Pri la starigo de la kongresa stacio Lenio diris, ke li volis dividi la kulpon kun aliaj, kiuj promesis porti stacion al la kongresejo, ĉar tion li promesis al la prezidanto. Hans, DJ4PG, diris, ke Wolf, DL1CC, portis antenon, sed Hans ankaŭ forgesis porti aparaton kiel promesite. Hans diris, ke li kontrolis la tegmenton de la kongresejo por vidi, ĉu eblis starigi antenon. Wolf, DL1CC, diris, ke en Jokohamo bone funkciis stacio, kaj li ricevis QSL. Li aldonis, ke por la sekva UK en Bjalistoko oni loke aktivigos stacion. Li diris, ke sur la paĝoj de "Pola Esperantisto" vidiĝas reguloj de konkurso por akiro de e-diplomo. Hans, DJ4PG, diris, ke Bjalistoko ŝajnas tre aktiva. Refoje Lenio, PY3DF, reprenas la parolvicon por paroli pri sekretariaj aferoj. Li diris, ke lasta membro-numero estas 604. Ne multaj homoj aliĝas, kaj la pasintan jaron la perdo de membroj estis pli alta, ol novaj aliĝoj. Li ankaŭ klarigis pri la nova formato de la bulteno. Li diris, ke nun paĝo [2] de la bulteno portas ĉiujn sekretariajn informojn pri aliĝoj, forpasoj, adres-ŝanĝoj, ktp, kaj la kolofono sur la sama paĝo portas ĉiujn informojn pri ILERA, kiel estraro, kontonumero, hejmpaĝoj. Poste, la parolvicon prenis la kasisto Ian Mac Dowall, G-SWL. Li diris, ke li prezentas la kontojn de ILERA ĉe UEA, ne de la individuaj landoj. Li dankis al Hans, DJ4PG, pro lia financa kontribuo, kiu rezultigis pozitivan saldon al la konto de ILERA ĉe UEA. Hans, DJ4PG, diris, ke malgraŭ la pozitiva rezulto, li invitas ĉiujn pagi. Li aldonis, ke multaj diras, ke ili ne ricevis la bultenon, pro tio ili ne pagis. Wolf, DL1CC, rememorigis pri la pagmanieroj. Ĉiuj povas pagi al la konto de ILERA ĉe UEA. Li aldonis, ke landaj reprezentantoj havas la taskon unu ekzempleron de la bulteno sendi al siaj lokaj membroj, kaj ke tiuj pagu rekte al la landa reprezentanto sian kotizon. Hans, DJ4PG memorigas la ĉeestantojn pri estrara elekto. Lenio, PY3DF, anoncas, ke en 2008 vakos la postenoj de sekretario kaj kasisto. Tiuj de prezidanto kaj vicprezidanto vakos en 2010. Li diris, ke se iu volas kandidatiĝi ne estas kondiĉo sin prezenti skribe. Sufiĉas reago interesiĝi pri la posteno. Hans, DJ4PG, diris, ke oni povas sin prezenti dum la kunsido por la du vakaj postenoj, aŭ eĉ por la postenoj de prezidanto kaj vicprezidanto. Neniu reagis. Sekve Hans demandis al Lenio, PY3DF, ĉu li volas daŭri en la posteno de sekretario, al kiu li respondis jese. Hans ankaŭ demandis al la kasisto Ian Mac Dowall, G-SWL, ĉu li volas konfirmi resti en sia posteno kiel kasisto, al kiu Ian respondis, ke li restos ĝis iu alia anstataŭos lin. Hans, DJ4PG, dankis al ambaŭ oficistoj por la bona laboro. Li diris, ke Ian faras la kason tiel precizan, ke eĉ la cendoj aperas sur la bilanco. Li aldonis, ke la sekretario ankaŭ eldonas la bultenon rete kaj papere. Sekvis aplaŭdoj. Lenio, PY3DF, reprenas la parolvicon por paroli pri la bulteno. Li diris, ke la bulteno estas la motoro de la asocio kaj ke li volas konservi la eldonon de kvar numeroj en ĉiu jaro. Li diris, ke li prenis grandan riskon aperigi la bultenon sur la reto, sur kiu ĝi aperas multe pli bela kaj en koloroj se kompare kun la nigrablankaj fotokopioj de la papera versio. Li diris, ke multaj membroj nun diras, ke ili ne plu bezonas pagi kotizon ĉar la bulteno aperas senpage sur la reto. Lenio klarigis, ke la kotizo pagenda ne nur rilatas al la kostoj de la bulteno, sed ankaŭ kaj grandparte por pagi membrecon ĉe UEA, informojn sur la Jarlibro de UEA, kaj ofte salonon por la jarkunsido dum la UK de UEA. Li aldonis, ke oni frue pagu kotizon al la landa reprezentanto, aŭ ĝiri la sumon al la konto de ILERA ĉe UEA kun kopio al la koncerna landa reprezentanto. Lenio diris, ke li ne nomas sin bultenisto, sed redaktoro. Li aldonis, ke multaj artikoloj sur la bulteno ne estas verkitaj de li, sed temas pri kontribuoj de aliaj membroj, kiuj fariĝas tiam kunredaktoroj. Li ankoraŭ aldonis, ke se iu

ne povas redakti artikolon tiam sufiĉas sendi la materialon al la redaktoro. Lenio diris, ke multaj membroj partoprenas interesajn aktivecojn ekster la radio kaj pri kiuj aliaj volus legi. Li diris, ke bonvenas ankaŭ dokumentoj el la arkivoj de membroj aŭ de forpasintaj membroj. Li menciis la ricevon de multaj dokumentoj el la arkivo de la karmemora Henriko, F9ED, kiuj jam aperis sur la paĝoj de la bulteno. Li aldonis, ke ni ĉiuj estas parto de la historio de ILERA. Fine, Lenio klarigis pri la adoptita formato A5 de la bulteno (A4-paĝo duonfoldita), du kolumnoj, prefere ne pli ol okpaĝa, kaj se ne estos sufiĉe da materialo kaj la tempolimo por la eldono alvenos, la bulteno aperos per kvar paĝoj nur. Hans, DJ4PG, reprenas la parolvicon por prezenti per grafikaĵo la partoprenon dum konkurso kaj ties rilato al sunmakuloj. Li diris, ke la nuna intereso pri moderna teknologio, ekzemple interreto, devojigas uzantojn de ordinara radio, kaj kiel konsekvenco partoprenantoj en mallongaj ondoj malkreskas kaj li timas ke ĝi ankoraŭ malkreskos. Wolf, DL1CC, konsentas kun la malkresko, sed rimarkigis, ke multaj novaj homoj venis al la radio okaze de la forlaso de la postulo pri uzo de telegrafio en la radioamatoraj ekzamenoj por akiri licencon. Li diris, ke multaj kolegoj havas stacion, sed la anteno bezonas riparadon pro diversaj kaŭzoj. Li aldonis, ke tiun problemon komputiloj ne havas, kaj post la apero de komputiloj multaj radioamatoroj sin turnis al tiu novaĵo. Hans, DJ4PG, diris, ke li esperas, ke multaj riparu siajn staciojn kaj kontrolu sunmakulojn. Li diris, ke dum konkurso, multaj diras, ke ili aŭskultis dum dudek minutoj sed nenion aŭdis. Li aldonis, ke per direktebla anteno eblas fari multajn kontaktojn, sed eblas ankaŭ per simpla dipolo fari kontaktojn. Por pruvi tion, Hans mencis, ke dum unu konkurso li partoprenis per ĥaosaj teknikaj rimedoj, kun stacio en la domo kaj per longa kablo konektita al anteno de aŭtomobilo parkita ekstere sukcesis fari pli ol dek kontaktojn. Li diris, ke oni devas montri esperanton al neesperantistaj stacioj, jam ke per la radio ĉiuj povas aŭskulti, sed interreto ne havas tiun avantaĝon. Sekve Hans demandis al ĉeestantoj, kiuj konas ECHOLINK. Li tiam klariris pri la funkciado de ECHOLINK, ankaŭ prezentante la avantaĝojn kaj malavantaĝojn. Hans diris, ke ECHOLINK havas la avantaĝon de samtempa uzado kun la radio dum kontakto, kaj ĝi treege utilas por doni informojn al aliaj pri malfermiĝo de bendoj. Li diris, ke en antaŭaj oportunoj li demandis, ĉu iu kontraŭstaros la uzadon de ECHOLINK dum la konkurso kaj neniu reagis kontraŭ. Li diris, ke kiel estro de la konkurso li enkondukis la uzon de ECHOLINK kaj kontraŭaj voĉoj nur venis dum kaj post la konkurso en Jokohamo. Hans petis al la ĉeestantoj komenti. Lenio, PY3DF, diris, ke li jam manifestis sin tiurilate sur la paĝoj de la bulteno n-ro 70. Wolf, DL1CC, diris, ke aktiveco sur ECHOLINK estas tre dezirinda. Li aldonis, ke ni kiel radioamatoroj devas atenti al la reguloj kaj leĝoj de organizoj al kiuj ni apartenas, tio estas, ne nur al esperantaj organizoj sed ankaŭ al radioamatoraj organizoj. Wolf diris, ke landaj organizoj agadas sub IARU (Internacia Amatora Radio-Unio), kaj tiu starigas regulojn sur kiuj frekvencoj kaj modoj oni povas uzi por konkurso, kaj sur tiuj nunaj reguloj ne estas la uzo de ECHOLINK. Li timas, ke ni konfliktus kun tiu organizo en kazo de la uzado de ECHOLINK dum nia konkurso. Wolf demandis, ĉu ni devus klarigi la aferon ĉe IARU, sed malgraŭ tio, la aktiveco sur ECHOLINK estas tre bona. Renata, F5RC, diris, ke la Franca Asocio de Radioamatoroj kunvenis kun la Telekomunika Asocio pri la sama afero, kaj aldonis, ke la respondo estis, ke oni neniam rajtas uzi ECHOLINK. Hans, DJ4PG, diris, ke en iu oportuno li vidis kvardek staciojn kun franca voksigno sur ECHOLINK, dividitajn inter klubaj, relajsaj kaj personaj voksignoj. Li diris, ke li kontaktis personajn voksignojn kun la demando, ĉu estas vere ke oni malpermesas la uzon de ECHOLINK en Francio, kaj respondoj ricevitaj estis konfuzaj, ĉu rilate la uzon de relajso, ĉu rilate uzon privatan. Renata, F5RC, diris, ke multaj francaj stacioj scias pri la reguloj, sed tute malobeas. Hans, DJ4PG, petis al Renata transdoni al li kopion de la leĝo regulanta la uzon de ECHOLINK en Francio. Li aldonis, ke en Friedrichshafen li petis la opinion de la tre aktiva Bavara *Contest* Klubo pri la uzo de ECHO-

LINK dum konkurso, kaj ilia estraro respondis, ke ili ne havas argumenton kontraŭ. Hans diris, ke ni bezonas aldona aktivecon. Li aldonis, ke unu estis propono de Wolf, DL1CC, ke oni renomigu la konkurson. Hans diris, ke Martin, IK2RMZ, konsultis lin pri la rajto uzi morsan kodon dum la konkurso, al kiu Hans respondis, ke ĉiuj moduladspecoj validas. Wolf, DL1CC, demandis, ĉu oni povas uzi aliajn lingvojn dum la konkurso. Li proponas la uzadon de aliaj lingvoj, ĉar kelkaj naciaj gazetoj rifuzis aperigi la regulojn de nia konkurso ĉar la uzo de unu sola lingvo estigas diskriminacion kontraŭ aliaj lingvoj. Wolf diris, ke ni kontraŭas lingvo-diskriminacion, kaj proponas la uzadon de aluaj lingvoj, ĉar li opinias ke rezulte de tio multaj aliaj partoprenos ĉar ili ne timos konkursantojn uzantajn alian lingvon. Li ankaŭ aldonis komenton pri la uzado de la e-frekvenco sur 20m (14266kHz), dirante ke preskaŭ ĉiusemajnfine kaj kelkfoje ankaŭ dum la semajno li vokas eĉ en aliaj lingvoj pere de la kluba voksigno DFØESP, ĉar ĝi estas jam konata kiel e-kluba stacio. Wolf aldonis, ke la e-frekvencon ŝatas ankaŭ aliaj, kiel la finnoj, kiuj per 1kw stacio kaj direkteblaj antenoj uzas pli malpli la saman frekvencon por kontakti samlandanojn tra la tuta mondo. Li diris, ke je 1kHz pli malalte granda vico da stacioj ariĝas por kontakti WAB (*Worked All Britain*) diplomon, ankaŭ la rondo *Holy Land* ariĝas ĉirkaŭ la sama frekvenco. Wolf aldonis, ke eble la plej granda aktiveco venas de IOTA (*Islands On The Air*), kies ĉef-frekvenco estas 14260 kHz, sed la raraj stacioj aŭskultas 5kHz alten, kaj multaj ĉasantoj de raraj voksignoj sendas per alta povumo kaj tute ne atentas pri la okupiteco de la e-frekvenco fare de e-stacioj. Li diris, ke estas diskutebla la uzo de 14266kHz kiel ILERA-frekvenco, kaj multaj opinias, ke ŝanĝi la jam de longe konatan frekvencon okazigos al multaj la netrovon de la e-rondo. Wolf aldonis, ke solvon por tiu problemo li mem ne havas. Hans, DJ4PG, diris, ke la solvo estus trielementa anteno kaj povumo de unu kilovato, ĉar se unu stacio estas forta ĝi tiam povos purigi la frekvencon. Renata, F5RC, rimarkigis al la ĉeestantoj, ke dum la ILERA-konkurso ĉe la sama semajnfino okazas aliaj konkursoj samtempe. Wolf, DL1CC, diris, ke tiu problemo okazas preskaŭ en ĉiuj semajnfinoj. Li profitas la okazon por rememorigi la ĉeestantojn pri la fino de nia oficiala tempo, kaj invitis al komuna fotado antaŭ ŝtuparo de la kongresejo tuj post la kunsido. Dume estiĝis demando, kiel povas esti lingva diskriminacio dum la konkurso. Wolf, DL1CC, respondis dirante, ke tio povus esti rezulto de aliaj neesperantistaj stacioj ne povantaj kompreni, kio okazas dum la konkurso pro nekono de esperanto. Hans, DJ4PG, klarigis, ke ni neniam malpermesis la uzon de aliaj lingvoj, sed nur petis, ke la raporto estu en esperanto. Lenio, PY3DF, diris, ke sur la paĝoj de bulteno 69 aperis la bazaj reguloj de la konkurso, kaj tie legiĝas, ke ĉiu raporto estu – kaj li substrekis tion – *prefere* en esperanto. Leviĝis ankoraŭ demando pri la skriba protokolo de nia sesio. Lenio, PY3DF, klarigis, ke la protokolo aperos sur la paĝoj de la bulteno, kiel kutime. Hans, DJ4PG, reprenas la parolvicon por konkludi pri la konkurso. Li diris, ke estiĝas kelkaj demandoj pri la leĝa situacio. Li diris, ke li sin proponis por la organizado de la konkurso, kiel li jam faras dum la lastaj dudek kvin jaroj. Wolf, DL1CC diris, ke ni ne rajtas voĉdoni antaŭ ol IARU-reguloj klarigos pri la uzo de ECHOLINK. Hans, DJ4PG, diris, ke la reguloj ne estas klaraj. Lenio, PY3DF, diris, ke diskutado pri la uzo de ECHOLINK estas inter du niveloj: unu ekster ILERA, kaj alia ene de ILERA. Li diris, ke por aldoni ECHOLINK al la reguloj de nia konkurso oni devas unue ricevi proponon de iu membro, kaj tiam ŝanĝi la regulojn laŭ la statuto, tio estas, porti la proponon por diskutado kaj voĉdonado en cirkuleroj ene de la estraro de ILERA laŭ la difino de la statuto. Hans, DJ4PG, diris, ke laŭ li la statuto ne diras, kiel la estraro povos decidi pri la konkurso. Wolf, DL1CC, diris, ke la oficiala tempo jam longe finiĝis kaj fermis la kunsidon kun refoja invito al komuna fotado. Mi, Lenio Marobin, PY3DF, sekretario, atestas, ke ĉi tiu estas la transskribo de la sesio de la jarkunveno de ILERA kadre de la 93a Universala Kongreso de Esperanto okazinta en ĉi tiu dato en Roterdamo, Nederlando.

♋

NEKROLOGE

# *Laszlo Matusinka Laci, HA7PW*

***1942 +14.III.2008***




*[NDR: Du tributoj venis por la nekrologo de Laci]*

**Imre Ferenczy,HA1UD**

Laszlo "Laci" Matusinka naskiĝis en la jaro 1942. Jam en sia junaĝo li faris radioamatoran ekzamenon kaj ricevis voksignon HA7PW. Li instruis fizikon en mezlernejo de urbeto Albertirsa kaj edukis multajn gejunulojn dum 43 jaroj. Apud la angla lingvo li lernis ankaŭ esperanton. Ekde la jaro 1983 li gvidis la hungaran sekcion de ILERA, kaj en la jaro 1987 iĝis la ĝenerala sekretario de ILERA. En tiu periodo li redaktis kaj eldonis dudek numerojn de la "ILERA-bulteno". Inter 1992 kaj 1998 li estis estrarano de la Hungara Radioamatora Asocio. Pro grava malsano li mortis la 14an de marto 2008. La entonbigo okazis en urbeto Albertirsa antaŭ grandnombra ĉeestantaro. Nome de la radioamatora komunumo Laszlo Dallos, estrarano de la landa radioamatora asocio faris la funebran parolon.

**Gennadij Jaskov,RW9YE**

Mi konatiĝis kun Laci en 1983 post kiam mi ricevis lian unuan leteron, tamen persone ni konatiĝis nur in 1987 post la UK en Varsovio, tuj post la reelekto de la nova estraro de ILERA. Dum nia unua konversacio mi komprenis, ke li estis sindona radioamatoro kaj animplena esperantisto. Li aktive akceptis sekretarian laboron ĉe ILERA, kaj por havi stabilajn reciprokajn informojn ni kun Laci organizis esker-ILERA-an eteran trafikon por ĉiulanda interŝanĝo de komunaj problemoj. Verdire plimalboniĝintaj ekonomiaj cirkonstancoj en niaj landoj ne permesis al ni longe samaktivi por ILERA kaj en 1993 ni estis devigataj rezigni pri ĝi, sed niaj ĉiulundaj QSO daŭris, kaj ni povis regule interŝanĝi niajn enlandajn informojn. La 22an de aprilo 2006 ni festis nian 500an QSO en nia komuna lingvo esperanto. Laci aktivis en ĉiuj radioamatoraj bendoj kaj ĉasis DX-staciojn preskaŭ tuttage. Tre malmultaj povas kuraĝe diri, ke iu havas pli ol 300 DXCC landojn konfirmitajn kaj pli ol 500 diverslandajn diplomojn. En 1990 Laci vizitis min gaste (ankaŭ venis Wolf, DL1CC), kaj al la renkontiĝo en Barnaul venis ankaŭ mialandaj radioamatoroj, kiuj spertis la honestecon, bonkorecon kaj mirindan sindediĉon de Laci. Dum tiu renkontiĝo ni plezure celebris la datrevenan naskiĝtagon de Laci. Mi kredas, ke rememoroj pri mia kara amiko kaj iama e-aktivulo Laci restos ĉe multaj ILERA-anoj, kiuj ne nur kontaktis lin, sed ankaŭ uzis la rezultojn de lia aktiveco por la bono de nia komuna lingvo kaj de nia organizo ILERA.

**Lenio Marobin,PY3DF**

Ne kiel redaktoro de la bulteno mi aldonas kelkajn liniojn pri Laci, sed kiel privata amiko. HA7PW mi unue kontaktis en 1982. Ekde tiam mi havis regulajn kontaktojn, kaj kun ĝuo ĉiam ricevis poenton de Laci dum la ILERA-konkurso ĉiujare. En 1998 mi havis la plezuron por la unua fojo persone renkontiĝi kun li kaj lia edzino dum la UK en Montpeliero. Ni pasigis multajn horojn kune. Laci esti homo donema, neniam prenema, speco de homa karaktero rare vidata en modernaj tempoj. Mi strebas imiti mian antaŭulon en la posteno de sekretario, kaj mi esperas, ke mi neniam seniluziigos lin, kie aj li estas, dum mia sekretaria ofico por ILERA.

KONKURSE

# Diplomo Bjalistoko, La urbo de la UK 2009

**Radioamatora diplomo esperanta**

Ĉe la fino de julio 2009 en Bjalistoko okazos la Universala Kongreso de Esperanto. Bjalistokon vizitos kelkmiloj da esperantistoj el kelkdeko da landoj, el ĉiuj kontinentoj. Bjalistokaj esperantistoj kaj lokaj radioamatoroj kun la financa subteno de la urba oficejo en Bjalistoko kune eldonas la diplomon "Bjalistoko – la urbo de la Universala Kongreso de Esperanto 2009", kiu estas samtempe invito al ĉiuj viziti la naskiĝlokon de la kreinto de la internacia lingvo Ludoviko Zamenhof.




**Reguloj por akiri la diplomon**

I. La memorigan diplomon "Bjalistoko – la urbo de la Universala Kongreso de Esperanto 2009" povos ricevi ĉiu radioamatoro plenumonta unu el la jenaj kondiĉoj: (1) Fari 1 QSO kun la porokaza radioamatora stacio el Bjalistoko + 3 QSO kun iu ajn stacio el Bjalistoko. (2) Fari 5 QSO kun iuj ajn stacioj el Bjalistoko. (3) Fari 10 QSO kun stacio-membroj de la loka filio de Pola Radioamatora Asocio en Bjalistoko (OT-17). La membrolisto troviĝas sur la retpaĝo http://www.hamradio.biaman.pl/otpzk/wykaz01.htm QSO farita la 14an de aprilo (la mortdatreveno de Zamenhof), la 26an de julio (la datreveno de la eldono de la unua lernolibro de esperanto) aŭ la 15an de decembro (la naskiĝdato de Zamenhof) kun iu aj stacio, kies hejma QTH estas Bjalistoko anstataŭos QSO kun la porokaza stacio. II. Validas radiokontaktoj okazintaj ekde 30 marto 2008. Eblas ĉiuj frekvencoj kaj modoj. III. La diplomo akireblas ankaŭ por aŭskultantoj (SWL), laŭ la supraj kondiĉoj. IV. La kondiĉoj por akiri la diplomon koncernas ankaŭ staciojn el ekster Pollando. V. La eldonkvanto de la diplomo estas limigita kaj ĝi haveblos ĝis ties elĉerpiĝo. VI. La kosto de la diplomo estas 10 zlotoj aŭ 3 eŭroj. Por ricevi la diplomon bonvolu sendi liston de faritaj radiokontaktoj al la sekva adreso: Białostockie Towarzystwo Esperantystów, ul Piękna 3, 15-282 Białystok, skr. pocz 67, kune kun kopio de la kvitanco konfirmanta pagon al la bank-konto 45 1160 2202 0000 0000 5482 1484 kun la noto "Dyplom". Bonvenas QSL-kartoj en la listo de faritaj radiokontaktoj. La liston ni povas ankaŭ sendi retpoŝte al la retadreso fiy@o2.pl La diplomo estos sendota post ricevo de la pago al la menciita bank-konto. La respondeculo pri la diplomo estas Stanisław, SP4FIY, retpoŝto fiy@o2.pl

FINANCE

**Kas-raporto**

Laŭ la statuto de ILERA, "... *financa raporto estos publikigata po unufoje ĉiun jaron en la bulteno*". La lasta financa raporto troviĝas sur paĝo 6 de la bulteno n-ro 69.

| DATO | RILATAS AL | SALDO € |
|---|---|---|
| 05.09.2007 | Lasta konteltiro ............... | 243,43+ |
| 31.12.2007 | K Stridell ĝisdate.. 40,00+ | 283,43+ |
| 31.12.2007 | Saldo ĉe UEA iler-r ......... | 283,43+ |

Ian Mac Dowall, G-SWL (kasisto)

[*NDR: TNX al la aglaj okuloj de Wolf, DL1CC, pro la kutima reviziado*]